AE136

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 25/10/2013 Cent trideksesa Eldono 26/10/2013 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer** **Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 260** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

## EL ĈINIO 中国武汉 **Roĝer vizitas Ĉinion ĝis 27a Novembro 2013**

Estas via Esperanto-familio. Informu, fotoj bonvenaj.

## Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon

En Ĉinio mi ne sukcesis aŭskulti la retradion aŭ vidi la bildon
En Aŭstralio vi ĝoje kapablas aŭskulti.

http://esperantareradio.blogspot.co.at/ Estas « RSS Feed »

Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj kaj via Esperantista familio ĝojos.




## Propaganda sekcio






**SBS2 ĉe Sidnejo** proponas rakonti pri Esperanto en sia elsendo "The Feed"

Jeannette Francis (REPORTER/PRODUCER – The Feed SBS2) Richard Delamore kaj Kiah Morante parolis en Esperanto.

 

AE atendas ĝisdatan informon. Eble post du semajnoj (informis Jeannette per Nicole al AE)

Venu al Kanbero 3 ĝis 12 Januaro 2014 Come to Canberra

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena






Mi admiras la bonan informan laboron en via lando!
Mi aldonas liston pri brokantaĵoj, kiujn mi ofertas.
Eble ĝi interesas ankaŭ viajn legantojn.
Amike,
Peter Weide




Ne eblas aldoni ĉe AE, la liston pri brokantaĵoj pro ĝia grandeco.
Interesuloj povos skribi al Peter Weide kaj li volonte sendos la liston al ili.
peter.weide(ĉe)mail.dk .



# mia brazila amiko Happax. Sendis Bob Felby

Multajn elkorajn dankojn, eĉ dankegojn pro alia bonega "Aŭstraliaj Esperantistoj".

Kun multa plezuro mi legis la artikoleton de mia brazila amiko Happax. Li kaj lia belega edzino Lu loĝis ĉe mi, mia domo ne estas Esperanto-Domo, sed ĝi preskaŭ estis dum la vizito.

Ili alvenis la 17-an de oktobro el Melburno. Kaj kian malbelan veteron ili kunportis kun si. Ventego kaj pluvego. Mi staris sur la perono de stacio Ethelton kaj atendis frostiĝante. Subite venis la trajno de Adelajdo. Nur unu pasaĝero eliris. Neniu alia. Mi do reiris hejmen. Tuj sonis la telefono. Estis Happax, kiu klarigis al mi, ke nun li estas jam en la



trajno. Tuj mi saltis en la aŭtomobilon kaj reiris al stacidomo Ethelton. Tuj poste alvenis la trajno de Adelajdo. Unu junulo eliris, sed el la lasta vagono eliris du homoj kun pezaj pakaĵoj. Devus esti ili, kaj vere, estis ili. Mi veturigis ilin hejmen kaj donis al ili matenmanĝon. Tio ne kostis multon. Lu ne volis trinki teon, ŝi trinkas nur malvarman akvon, sed ŝi manĝis iom da rostita pano, kiun mi mem preparis. Happax kaj mi manĝis muslion, se tiu vorto ekzistas. Se ne, ni tamen manĝis ĝin. Happax manĝis sian kun malvarma lakto, mi manĝis mian kun varma lakto.

Preskaŭ tuj post la matenmanĝo ni reiris al stacidomo, kie ne estas iu ajn domo, Ethelton, por iri al Adelajdo, de kie ili ja ĵus venis. La vetero estis tiam multe pli bona. Ni piediris de la Adelajda stacidomo, kiu vere estas domo, io, kion oni ne atendas en Adelajdo, al la ŝtata biblioteko, kie mi trinkis tason da kafo, Happax ne volis trinki kafon, kaj Lu komputilumis iomete.

Poste komencis veni kelkaj gesamideanoj, kaj subite estis tempo por iri supren al unu el la studĉambroj. Tie ni kantis, eble ne tre bele, sed tamen ni kantis kelkajn belegajn kaj amuzajn kantojn. Poste ni voĉlegis el unu el la romanoj de Anna Löwenstein. Io pri la antikva Romo.



Ĉe la fino de la legado ni kutime iras malsupren por trinki pli da kafo kaj por facila Esperanto-konversacio, kvankam kelkfoje oni aŭdas ankaŭ la voĉon de iu krokodilo.

Sed ĉi tiun fojon ne. Trevor veturigis niajn honorajn gastojn kaj min en sian luksan aŭtomobilon kaj veturigis nin al ĉina restoracio, kie ni bone manĝis, trinkis kafon kaj malvarman akvon. Kia granda ĝojo, ĉu ne? Sed ne nur tio. Li veturigis nin en la Adelajdan Montaron, supren kaj supren ni venis, ĝis ni haltis ĉe vinfarejo. Vino plaĉas al multaj homoj kaj ankaŭ al kelkaj el ni. Poste ni iris tra Hahndorf kaj ni reiris al iu granda urbo nomata Adelajdo, ĉu vi iam aŭdis pri ĝi? Ĝi situas proksime al mia malgranda Esperanto-Domo. Ni rigardis multon kaj bonkora Trevor elaŭtomobiligis nin ĉe la Adelajda stacidomo de kie ni iris vagonare al stacidomo, kiu ne estas domo, Ethelton.

Hejme neniu volis manĝi, sed kelkajn horojn poste Happax aĉetis picon por ni ĉiuj. Post la manĝado mi enlitiĝis. Mi estis tre laca, sed niaj brazilaj geamikoj, kiuj veturis buse merkredon je la 20-a horo kaj alvenis al Adelajdo je la 6-a horo, pasigis la tutan tagon kun diversaj esperantistoj, ne ŝajnis lacaj. Nur mi, kiu dormis la tutan nokton, estis eĉ tre laca, eĉ lacega !





Vendredon matene ni eliris por admiri la maron. Mia Esperanto-Domo situas tre proksime al la maro. Ni promenis sur la sablo kaj rigardis la multajn mortintajn fiŝojn, kiuj kuŝis tie. Estis ankaŭ multaj ŝeloj ktp. Ĉio ekstreme interesa. Tiuj, kiuj loĝas en Brazilio, la ĉefurbo

de Brazilo, devas veturi 15 horojn per buso por vidi la maron. Mi supozas, ke ili ne faras tion ĉiutage.

Post la vizito al la maro, ni ree iris trajne al Adelajdo. Ni piediris iom longajn distancojn kaj admiris kaj fotografis domojn, homojn ktp.

Fine, kiam mi estis eĉ tre laca, eĉ lacega, ni iris al stacidomo Ethelton, kie ni eltrajniĝis kaj enaŭtomobiliĝis kaj iris hejmen al la Esperanto-Domo kaj la eta amikema hundeto.

Sabaton ni iris al la flughaveno, ĉar niaj du bonegaj amikoj devis iri viziti Novzelandon. Ili restos iomete pli ol unu semajnon tie. Tiam ili refoje flugos al Sidnejo, kaj de tie al Brazilio.

Mi ĝojas, ke mi havis la bonŝancon renkontiĝi kun du tiom bonaj kaj kompatemaj homoj. Estus bone, se ili baldaŭ revizitos nin en nia granda lando.



Skribis Bob Felby



Ege interesa AE135, precipe la artikolo kaj fotoj fare de Indrani. Ankaŭ tre plaĉis la artikolo de Emerson; ho ve, ke li ne vizitis la Bluan Montaron dum tiu vizito...

Vera

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

**2012-10-17 - AEA raportas:**

Nian lastan Skype estrarkunvenon (17/10/2013) ĉeestis Heather, Kam Lee, Margaret kaj Sandor.

Jen la ĉefaj rezultoj:

* **Kongreso en Kanbero**

- La vizpeto de Bharat estis rifuzita. Li petis la malĝustan vizon. Li refoje petos, espereble la ĝustan vizon

- Heidi pretas pagi la vojaĝkostojn de esperantisto el Orienta Timoro. Se la Melburna Asocio pretas pagi la restadkostojn por li/ŝi, ni invitu lin/ŝin. Ni havas malfacilaĵon trovi taŭgan personon
- Daŭriga memorigo: Ni voĉdonos en Kanbero ĉu ni restu kompanio aŭ reiru al asocio. Bv komenti kaj forte argumenti por aŭ kontraŭ.
- Sandor komencis kunmeti la programon. Ne hezitu informi nin, se vi havas grandan deziron prelegi, prezenti, gvidi,……

* **Kompanio** - **Asocio**

Alia diskuto pri la temo: Ĉu ni restu kompanio aŭ reiru al asocio?

*** Libroservo**

Indrani enketis pri la libroj kaj ricevis informon de UEA, sed la sufiĉe granda ĥaoso restas. Restas tre neklare kio okazis dum la lastaj 5 jaroj. Ni daŭre enketos.

Katja starigos “privatan” libroservon dum nia venonta kongreso en Kanbero

*** Nova retejo**

**Ne forgesu:** aea.esperanto.org.au

Nia nova retejo estis enŝaltita. Vizitu ĝin kaj informu nin, kiam vi trovas erarojn kaj kiam vi volas proponi plibonigojn.

Heather, Kam Lee, Margaret, Sandor

## 5 **Lingvaĵo** LA PROPOZICIO.C.



Ni vidis ke la tri elementoj, Subjekto kaj Predikato kaj Objekto (aŭ nur la du unuaj) sufiĉas por havi bildon, kaj ke la lingvo metas ilin kune en unu frazon, kiun ni nomas Propozicio, ekz. “La viro kaptas fiŝojn”. Krom ĉi tiuj du aŭ tri necesaj elementoj de bildo kaj de Propozicio, ofte, sed ne devige, montratas samtempe unu aŭ pluraj cirkonstancoj ,

ĉe kiuj okazas la ago, ekz. la tempo kaj la loko kaj la tialo kaj la maniero, ktp. Ĉiu el tiuj cirkonstancoj nomiĝas Adjekto, ekz. “La viro kaptas fiŝojn en la lago sub la brila suno ĉar li malsatas”, kiu frazo enhavas kvin elementojn . Do ĉiu bildo kaj ĉiu Propozicio konsistas en Esperanto el kvar aŭ malpli da specoj de frazelementoj. Neniam pli ol kvar specoj, la Subjekto, la Predikato, la eventuala Objekto, kaj la nenecesaj sed tamen gravaj Adjektoj. La elementoj de la bildo nomiĝas Propozicipartoj, aŭ Propozicieroj. Kiel menciite, ĉiuj el la elementoj povas konsisti el pli ol unu vorto, de diversaj kategorioj, sed ĉiu elemento havas unu kernvorton, sian centran ideon. Ĝi povas esti unu el pluraj specoj de kategorio, sed plej ofte estas Substantivo por la Subjekto kaj la Objekto, Verbo por la Predikato, kaj Adverbo aŭ Prepozitiva Substantivo por la Adjektoj.

Kelkfoje du apartaj bildoj montratas en unu pentraĵo, per du Propozicioj do. En tia kazo la du (aŭ eĉ pliaj) Propozicioj kombiniĝas per komo aŭ per punkto-komo aŭ per speciala vorto nomata Konjunkcio, ekz. “kaj”, “aŭ”, “sed”, “tial”, ktp. Notu tamen, ke tiuj vortoj povas ankaŭ kombini egalvalorajn partetojn de unu frazparto, ekz. en “Li KAJ lia frato vojaĝis, T(io) E(stas) biciklis, al la kongreso, SED ne al la somerkursaro”.

Marcel Leereveld.

# la 100a japana Esperanto-kongreso

Rigardante fotojn pri la 100a japana Esperanto-kongreso mi vidis viron kiu aspektas kiel Gerry Phelan.

Li ĵus skribis al mi, ke li revenis hejmen hieraŭ kaj ja partoprenis kun Marko Schmidt la 100an japanan kongreson (pli ol 700 partoprenantoj)



Amike Nicole

Jen lia mesaĝo:

Jes, mi partoprenis en la Japana kongreso. Marco Schmidt, el nia klubo, invitis min akompani lin. Ni du partoprenis kaj, poste, ankaŭ partoprenis en aŭtuno kurso je Esperanto domo ĉe Jacugatake. Estis mirinde.

Mi alvenis hejmen nur hieraŭ kaj ĵus legis ĉi-tiun retmesaĝon. Gerry.